# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 401

Redakto-skipo
Direktado kaj kompostado: Ángel Arquillos López
Revizio: Alejandro Pareja

Retadreso de la bulteno:
bulteno@esperanto.es
*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj
* La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn
*Republikado de enhavo nur permesita kun permeso de la redakcio aŭ de la aŭtoro

**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Bankokonto BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Telefono: (34) 914468079 (bv. Lasi mesaĝon en la aŭtomata respondilo)
Poŝtelefono: 638-547-104



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL: M-39811-2012

# Salutvortoj

Vi havas nun antaŭ viaj okuloj la Bultenon 401, laŭkronologie la unuan respondantan al la jaro 2013, kaj tiu ĉi estas bona momento por rigardi antaŭen, kiam jam pasis la celebradoj de nia 125-a datreveno.

Ĉijare ni ne ĝuas tiom rondan ciferon, sed 2013 estos grava por nia movado en Hispanio, ĉefe pro la kvanto kaj espereble kvalito de la renkontiĝoj kiujn ni povos profiti. Jam pasis la Iberia Renkontiĝo, kiun organizis la junulara branĉo de HEF, kaj jam survojas la 72-a Hispana Kongreso. Dum tiu ĉi renkonto, organizata de niaj zaragozaj amikoj kun granda entuziasmo kaj laboremo, kiel kutime ĉe ili, ni povas ĝui tre interesajn programerojn, pruvon de la vivanteco de nia lingvo, kaj samtempe esperantecan amikan etoson, ĉirkaŭatajn de amikoj kaj samideanoj, kio certe montros ankoraŭfoje ke tiuj ofte priparolatajn debatojn pri finvenkismo/raŭmismo, aŭ movado/komunumo, en la praktiko havas malmultan sencon: Esperanto estas kulturo kaj komunumo, amikejo kaj revejo, ĉio kune kaj ĉio samtempe.

Ni povos ĝui ankaŭ plurajn aliajn renkontiĝojn, kiuj, eĉ se ne ĉiam organizataj de HEF, ebligos la praktikadon kaj flegadon de la lingvo, kaj permesos la kunvenon kaj kunĝuon de nia movado. SAT kongresos unuafoje en Madrido fine de junio, kaj, eĉ se temas pri tute aparta organizaĵo, mi volas lanĉi la inviton al ĉiuj HEF-anoj, sendepende de iliaj opinioj kaj motivoj lerni la lingvon, atenti tiun renkontiĝon kaj konsideri la ŝancon ĝin partopreni kaj apogi. Ankaŭ anonci-

# ENHAVO

| | |
|---|---|
| Salutvortoj | 1 |
| Asamblea General Ordinaria | 3 |
| Kontoj 2012 | 4 |
| Amaskomunikiloj | 12 |
| Laste haste...pri la 72-a HEK | 17 |
| Dono de ordeno | 18 |
| Bitoteko en Eŭropeana | 20 |
| Iberia Renkontigho | 21 |
| Poezio | 22 |
| Vivu la Teatro (IV) | 23 |
| Li nomiĝis Silvestre | 24 |
| Mia sperto en Herzberg (raporto) | 26 |
| Eduardo Larrouy López (Omaĝo) | 29 |
| Eduardo Larrouy 100-jara | 31 |

Ĉefkovrilo: Eduardo Larrouy 100-jara samideano el Bilbao

---

(daŭrigo de la unua paĝo)

ĝis Valencia Renkontiĝo dum somero, kaj komence de oktobro ni certe havos la okazon denove partopreni la Internacian Semajnon de Kulturo kaj Turismo. Ne mankos do ĉijare ŝancojn praktiki la lingvon kaj aliĝi la komunumon eĉ sen neceso forlasi Hispanion, kaj tio estas bona novaĵo en tiu ĉi malfacila periodo kiun nia socio nun suferas.

Kaj inter la bonaj novaĵoj, ni ne forgesu mencii unu tre ĝojigan, kiun vi povas vidi jam en la ĉefpaĝo de nia bulteno: nia bona amiko Eduardo Larrouy fariĝis 100-jara en monato marto. Eduardo estas por ni ĉiuj ekzemplo, pri kies esperanta sinteno kaj aktivemo ni povas tre fieri. Estas des pli ĝojinde ke li konserviĝas tiel vigla kaj gaja, kaj mi certas ke mi parolas nome de ĉiuj hispanaj esperantistoj kiam mi diras al li jam de la komenco de la bulteno: Dankon, Eduardo, pro via konstanta ĉeesto, kaj daŭrigu tiel ĉi kun ni ĉiuj.

José Antonio del Barrio
Prezidanto de HEF

## Nekrologe

**FORPASIS MARITZA GRAZIANI**

Nia samideanino Maritza Graziani, forpasis pro kancero la 26-an de februaro. Ŝi devenis el Venezuelo kie ŝi lernis Esperanton kaj tie aktivis, kaj de pli ol 20 jaroj loĝis en madrida regiono. Niaj kondolencoj al nia amiko Fernando Moral.

# ASAMBLEA GENERAL ORDINARIA

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Ordinaria, que tendrá lugar el domingo 5 de mayo de 2013, a las 11:30 horas (a las 12:00 en segunda convocatoria) en el Hotel "Goya", calle 5 de marzo, 5, Zaragoza, con el siguiente orden del día:

1.- Lectura y aprobación del acta de la anterior asamblea (29 de abril de 2012).
2.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2012.
3.- Aprobación de la Memoria de actividades de 2012.
4.- Informe sobre los socios.
5.- Proyectos para 2013.
6.- Cuotas para el año 2014.
7.- Aprobación del Presupuesto para 2013.
8.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, por favor que envíen un mensaje comunicándolo, indicando claramente el nombre completo del representante y representado, al buzón electrónico admin@esperanto.es, o bien por correo postal a las oficinas de la asociación, antes del 30 de abril.

# ORDINARA ĜENERALA KUNSIDO

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Ordinaran Ĝeneralan Kunsidon, kiu okazos la 5-an de majo de 2013 (dimanĉe), je la 11:30 horo (je la 12:00 horo dua alvoko), en la Hotelo "Goya", strato 5 de marzo, 5, Zaragozo, laŭ la jena tagordo:

1.- Legado kaj aprobo de la protokolon de la antaŭa kunveno (29 aprilo 2012).
2.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2012.
3.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2012.
4.- Informo pri la anaro.
5.- Projektoj por 2013.
6.- Kotizoj por la jaro 2014.
7.- Aprobo de la Buĝeto por 2013.
8.- Sugestoj kaj demandoj.

GRAVA RIMARKO: La membroj de HEF, kiuj deziras esti reprezentataj fare de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, klare indikante la kompleta nomo de la reprezentanto kaj de la reprezentato, al HEFa retpoŝta adreso admin@esperanto.es, aŭ per ordinara poŝto al la oficejon de la asocio, antau la 30a de aprilo.

La Prezidanto de HEF
José Antonio del Barrio Unquera

# KONTOJ 2012
# 1. CUENTA DE PÉRDIDAS Y GANANCIAS

| | 2012 | | 2011 |
|---|---|---|---|
| **A) GASTOS** | **5.129,69** | | **8.482,04** |
| 1. Aprovisionamientos | 0,00 | | 372,86 |
| 600. Compra de Libros y Materiales | 0,00 | | 1.403,00 |
| 610. Variación Existencias | 0,00 | | -1.030,14 |
| 2. Servicios Exteriores | 5.129,69 | | 8.106,48 |
| 622. Reparaciones y Conservación | 36,29 | | 3,90 |
| 625. Seguro | 97,95 | | 93,65 |
| 626. Comisiones Bancarias | 223,26 | | 405,10 |
| 627. Publicidad, Propaganda y Fines Sociales | 3.179,17 | | 6.010,89 |
| a) Boletín | 1.474,64 | | 1.711,47 |
| b) Apoyo Grupo de Bilbao | 0,00 | | 0,00 |
| c) Donativos Libros | 0,00 | | 0,00 |
| d) Cuota UEA | 148,72 | | 168,36 |
| e) Folletos y Propaganda | 474,50 | | 262,92 |
| e.1) Impresión Folletos | 0,00 | | 115,42 |
| e.2) Bolígrafos Propaganda | 0,00 | | 147,50 |
| e.3) Impresión Carteles | 238,50 | | 0,00 |
| e.4) Marcapáginas Propaganda | 236,00 | | 0,00 |
| f) Congresos y Encuentros | 412,51 | | 3.429,26 |
| f.1) Congreso Español de Esperanto | 0,00 | | 3.167,56 |
| f.2) Encuentro Ibérico | 412,51 | | 261,70 |
| g) Mantenimiento Página Web | 623,10 | | 398,38 |
| h) Exposiciones | 0,00 | | 0,00 |
| i) Gastos de viaje | 45,70 | | 40,50 |
| 628. Suministros (Electricidad) | 137,50 | | 137,73 |
| 629. Otros Servicios | 1.455,52 | | 1.455,21 |
| a) Comunidad de Vecinos | 631,20 | | 652,10 |
| b) Teléfono e Internet | 645,23 | | 637,60 |
| c) Correo | 135,21 | | 128,56 |
| d) Material Oficina | 32,74 | | 36,95 |
| e) Suscripción Revistas | 0,00 | | 0,00 |
| f) Gastos Varios | 0,00 | | 0,00 |
| 631. Tributos | 11,14 | | 0,00 |
| 3. Gastos Financieros | 0,00 | | 2,70 |
| 669. Intereses Bancos | 0,00 | | 2,70 |

| B) INGRESOS | 6.171,51 | | 9.889,07 |
|---|---|---|---|
| 1. Ingresos de la Actividad Propia | 6.066,19 | | 9.385,00 |
| 721. Cuotas de Socios y Congresos | 5.654,00 | | 9.325,00 |
| *a) Cuotas Socios* | 5.472,00 | | 5.952,00 |
| *b) Cuotas por uso del Local* | 150,00 | | 300,00 |
| *c) Abonos al Boletín* | 32,00 | | 32,00 |
| *d) Ingresos Congreso El Escorial* | 0,00 | | 3.041,00 |
| 726. Aportaciones Grupo Bilbao | 0,00 | | 0,00 |
| 726. Donaciones Otros Socios | 412,19 | | 60,00 |
| 2. Otros Ingresos | 50,00 | | 447,41 |
| 759. Prestaciones Servicios (Venta de libros, camisetas, cursos…) | 50,00 | | 447,41 |
| 3. Ingresos Financieros | 55,32 | | 56,66 |
| 769. Intereses Depósito BBVA | 55,12 | | 56,66 |
| 769. Intereses Cuenta Paypal | 0,20 | | |
| | | | |
| **RESULTADO** | **1.041,82** | | **1.407,03** |

# 2. BALANCE DE SITUACIÓN

| ACTIVO | 2012 | 2011 |
|---|---|---|
| | | |
| **A) ACTIVO NO CORRIENTE** | **62.390,91** | **62.390,91** |
| II. Inmovilizado material | 62.390,91 | 62.390,91 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 211. Construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 2. Otro inmovilizado material | 2.289,70 | 2.289,70 |
| 232. Biblioteca | 2.289,70 | 2.289,70 |
| B) ACTIVO CORRIENTE | 38.873,20 | 37.210,95 |
| II. Existencias | 3.695,75 | 3.695,75 |
| 1. Comerciales | 3.695,75 | 3.695,75 |
| 300. Libros y material diverso | 3.695,75 | 3.695,75 |
| III. Usuarios y Deudores Varios | 310,00 | 128,00 |
| 3. Patrocinadores, Afiliados y Otros Deudores | 310,00 | 128,00 |
| 447. Socios | 310,00 | 128,00 |
| V. Inversiones financieras a corto plazo | 23.000,00 | 23.000,00 |
| 5. Otros activos financieros | 23.000,00 | 23.000,00 |
| 566. Depósitos constituidos a corto plazo | 23.000,00 | 23.000,00 |
| VII. Efectivo y otros activos líquidos equivalentes | 11.867,45 | 10.387,20 |
| 1. Tesorería | 11.867,45 | 10.387,20 |
| 570. Caja, euros | 123,86 | 483,74 |
| 572. Cuenta en UEA | 95,33 | 31,33 |
| 572. Bancos e instituciones de crédito c/c vista, euros | 11.648,26 | 9.872,13 |
| **TOTAL ACTIVO** | **101.264,11** | **99.601,86** |

# 2. BALANCE DE SITUACIÓN

| PASIVO | 2012 | 2011 |
|---|---|---|
| | | |
| **A) PATRIMONIO NETO** | **100.643,68** | **99.601,86** |
| A1) Fondos propios | 100.643,68 | 99.601,86 |
| I. Capital | 99.601,86 | 98.194,83 |
| 101. Fondo Social | 99.601,86 | 98.194,83 |
| VII. Resultado del ejercicio | 1.041,82 | 1.407,03 |
| 129. Resultado del ejercicio | 1.041,82 | 1.407,03 |
| C) PASIVO CORRIENTE | 620,43 | - |
| V. Acreedores comerciales y otras cuentas a pagar | 620,43 | - |
| 3. Acreedores varios | 620,43 | - |
| 410. Acreedores por prestaciones de servicios | 620,43 | - |
| | | |
| **TOTAL PATRIMONIO NETO Y PASIVO** | **101.264,11** | **99.601,86** |

# Buĝeto 2013

| GASTOS | | | INGRESOS | |
|---|---|---|---|---|
| | | | | |
| 2. Aprovisionamientos | | | 1. Ingresos Afectos a la Actividad | |
| (Compra de libros, de material didáctico y variación de existencias) | 350,00 € | | Prestaciones de Servicios (Venta de libros, cursos…) | 300,00 € |
| | | | Cuotas y Congresos | 6.650,00 € |
| 4. Otros Gastos de la Actividad | | | | |
| Servidor y Dominios Internet | 850,00 € | | | |
| Reparaciones y Mantenimiento | 100,00 € | | 5. Otros Ingresos de la Actividad | |
| Primas de Seguros | 100,00 € | | Subvenciones y Donaciones | 1000,00 € |
| Comisiones Bancarias y Similares | 350,00 € | | | |
| Cuota UEA | 170,00 € | | | |
| Cuota EEU | 300,00 € | | 12. Ingresos Financieros | |
| Boletín | 2.780,00 € | | Intereses depósito | 50,00 € |
| Congresos | 35000 € | | | |
| Otras Campañas y Publicidad | 1.160,00 € | | | |
| Suministros (electricidad) | 175,00 € | | | |
| Teléfono | 675,00 € | | | |
| Correo | 140,00 € | | | |
| Gastos Varios | 500,00 € | | | |
| | | | | |
| **TOTAL GASTOS** | **8.000,00** | | **TOTAL INGRESOS** | **8.000,00** |

# RAPORTO PRI AKTIVAĴOJ EN 2012 (RESUMO)

### 1. ADMINISTRADO

1.1. La estraro renoviĝis dum 2012 pro nova mandato (2012-2016). La estraro kunsidis 6 fojojn.
1.2. Okazis unu ĝenerala kunveno, ordinara, aprilo la 29an 2012, por aprobi kontojn kaj raporton 2012 kaj elekti novan estraron.

### 2. PERIODA ELDONADO

2.1. Oni eldonis kvar numerojn de "Boletín".

### 3. KURSOJ

3.1. Membroj de HEF gvidis kursojn en kelkaj urboj tra la tuta ŝtato. Regule okazis kurson en la sidejo de HEF gvidata de Pedro Hernández.

## 4. KONGRESOJ KAJ RENKONTIĜOJ

4.a Organizitaj de HEF aŭ ĝiaj aliĝitaj asocioj

4.a.1. 71ª Hispana Kongreso en Almagro (Ciudad Real), 27a aprilo-1a majo. Partoprenis ĉirkaŭ 70 homoj. La programo inkludis memoradon pri la 20a jariĝo de la Ibera Skolo kaj omaĝon al la Teatro en la Municipa Teatro de Almagro, spektaklo gvidata de Miguel Fernández.

4.a.2. 20ª Internacia Esperanto-Semajno de Kulturo kaj Turismo en Cambrils (Tarragona), 6a-13a oktobro.

4.a.3. 15a Decembro: E-asocioj apartenantaj al HEF festis la Zamenhofa Tago tra la tuta ŝtato.

4.b Partoprenataj de membroj de HEF

4.b.1. 9ª Internaciisma Renkontiĝo en Canet de Mar (Katalunio), 29a junio-1a julio.

4.b.2. 9ª Eŭropa Kongreso en Galivo (Irlando), 16a-20a de julio.

4.b.3. 97ª Universala Kongreso en Hanojo (Vietnamio), 28a julio-4 aŭgusto

4.b.4. 68ª IJK en Hanojo (Vietnamio), 5a-11a aŭgusto.

4.b.5. Itala Kongreso en Mazadadelvalo (Sicilio), aŭgusto.

**5. DISVASTIGO I:** ekspocizioj, prelegoj, foiroj

**5**.1. 5-a marto, prelego pri E-o de José Antonio del Barrio en Madrido (Kultura Centro "Buenavista", distrikto Salamanca)

5.2. Ekspozicioj de Paneloj en: Madrido (Kultura Centro "Buenavista", distrikto Salamanca) 1-a kaj 14-a de marto, Almagro dum HK2012 (27a aprilo-1a majo) kaj Madrido (gimnazio "IES Pradolongo", kvartalo Usera) inter 6a kaj 13a junio.

5.3. Kunlabore kun la Nacia Biblioteko, dum aprilo okazis bibliografia ekspocizio pri e-o en la centra sidejo de ĉi institucio.

5.4. 15-a decembro, prelego pri E-o en la Kultura Centro Galileo (Madrido), okaze de la Z-Tago.

**6. DISVASTIGO II**: aliaj

6.2. Kelkaj membroj daŭre kontribuis al la redaktado de Vikipedio en e-o, ĉu pere de nova artikoloj, ĉu plibonigante iujn jam ekzistantaj.

6.2. HEF donacis kelkajn librojn de la hispana kulturo en e-o (Don Kiĥoto, Tirano Banderas...) al iu E-loka asocio en Ruando, pere de Pedro Hernández dum lia vojaĝo al tiu lando dum novembro-decembro.

**7. AMASMEDIOJ**

7.1. 26-a julio en TVE raporto pri la 125-a jariĝo de la lingvo. Aperis kelkaj membroj de HEF.

7.2. Informo pri e-o en la programo "Protagonistas" de ABC Punto Radio, 28a de aŭgusto far membro de HEF.

7.3. Informo pri E-o en Radio 5 de RNE, 4-a decembro far membro de HEF.

**8. INTERRETO**

8.1. Daŭras la plibonigo de la retpaĝaro de HEF. Oni konstatis, ke ĝi estas esenca ilo por ekstera informado.

8.2. Sociaj retoj : HEF, HEJS kaj kelkaj el ĝiaj anoj havas kontojn en youtube, Facebook, Twitter kaj Tuenti (ĉi lasta nur el HEJS), kiuj estas regule uzataj por disvastigi informojn pri aktivaĵoj kaj pri E-o.

**9. BIBLIOTEKO KAJ BITOTEKO**

9.1. Biblioteko *Juan Regulo Pérez*: Ĝi daŭre estas alirebla de cxiuj, tamen nur HEF-anoj rajtas prunt-preni. La katalogo estas disponebla pere de la HEF-retpaĝo. Dum 2012 novaj ekzempleroj

estis aldonitaj al la kolekto.

9.2 Bitoteko: Dum 2012 ĝi pliboniĝis strukture kaj teknike, oni aldonis pli da materialo, kaj oni komencis disvastigi ĝian ekzistadon en fakaj instancoj por akiri agnoskon. Oni subskribis interkonsenton kun hispana faka institucio (vidu sube).

**10. ASOCIOJ**

10.1. MEL (Madrida Esperanto-Liceo) fariĝis 50-jara. La asocio estis fondita en 1962.

**11. KUNLABORO KUN OFICIALAJ INSTANCOJ KAJ PRIVATULOJ**

11.1. HEF subskribis interkonsenton kun la Ministerio pri Edukado, Kulturo kaj Sporto en septembro por reguligi la provizon de la datenoj de sia Bitoteko pere de *Hispana*, ministeria projekto celanta arigi la hispanajn bitokolektojn. Tio signifas ankaŭ aliĝon al la projekton *Europeana*, simila eŭropa projekto kiu faras same ol *Hispana* sed en la tuta Eŭropo.

**12.ALIAJ AKTIVAĴOJ**

12.1. 11-an de februaro okazis Kultura ekskurso al Toledo gvidata de Pablo Busto, membro de HEF, partprenis ĉirkaŭ 20 esperanto-parolantoj de Madrido, Kastilio-Manĉo kaj Ekstremaduro.

12.2. Miguel Gutiérrez, membro de HEF, membris ankaŭ en la Akademio de Esperanto dum 2012.

Originalo subskribita de la sekretario Félix Manuel Jiménez Lobo



# KONFERENCO PRI ESPERANTO EN MEKSIKA UNIVERSITATO

La ĵaudo 21-a de februaro 2013 estis Konferenco pri Internacia Lingvo Esperanto en la aŭdejo Gabino Fraga de la Fakultato pri Juro (FpJ) de la Universitato Nacia Aŭtonoma de Meksiko (UNAM), ende la 3-a ĝis la 5-a horo vespere.


Conferencia de Esperanto, 21 de febrero de 2013, Facultad de Derecho, UNAM.

Prelegis Luis L. Kordova Arejano (LLKA) kaj Mylai Burgos Matamoros (MBM); ambaŭ estas profesoroj en la FpJ.

LLKA esprimis ke Esperanto estas Internacia Lingvo (ILo) por egaleca kaj demokrata komunikado inter la homoj de ĉiuj popoloj de la mondo; ke Esperanto ne apartenas al iu ajn nacio, sed al la homaro; ke Esperanto estas facile lernebla (sed kompreneble, oni devas studi ĝin por lerni ĝin); ke per Esperanto esperantistoj povas vojaĝi kaj resti kun gastigantoj per "Pasporta Servo", fondita de Rubén Feldman González; per Esperanto, esperantistoj povas partopreni ĉe naciaj aŭ internaciaj kongresoj au korespondi kun aliaj esperantistoj.


Conferencia de Esperanto, 21 de febrero de 2013, Facultad de Derecho, UNAM.

Ankaŭ, LLKA komentis ke Esperanto estis agnoskita de UNESKO dum la jaro 1954 kaj 1985 kaj iomete komentis pri Ivo Lapenna; li komentis pri la biografio de Ludoviko Lazaro Zamenhof kaj legis la poemon "ho mia kor'"; parolis pri Grabowski; pri la unua kongreso de Esperanto en Francujo dum 1905; iomete pri la gramatiko, ABC kaj pri Juan de Oyarzábal, la unua profesoro de Esperanto en UNAM dum la kvindekaj jaron de la 20-a jarcento.
Poste, MBM parolis pri juro kaj Esperanto ( speciale pri demokrateco de Esperanto ) kaj legis la multajn salutmesaĝojn de Esperantistoj por la konferenco.

Ni ricevis salutmeŝaĝojn el 19 landoj: Albanujo, Belgujo, Brazilo, Ĉinujo, Demokrata Respubliko de Kongo, Francujo, Hindujo ( Barato ), Hispanujo, Hungarujo, Irlando, Italujo, Japanujo, Kubo, Meksiko, Nederlando,Rusujo, Usono, Venezuelo kaj Vjetnamujo.

La konferenco finis je la 5-a horo vespere kaj la gestudantoj estis invititaj partopreni en la Kurso de Esperanto en UNAM kiu komencos la sabaton 23-a de februaro 2013 ekde la 10-a horo matene ĝis la 1-a horo vespere.

Raportis: Magistro Luis L. Kordova Arejano
Profesoro pri Internacia Juro kaj Esperanto, Jura Fakultato, UNAM
Sekretario de Esperanto-Jura Asocio (EJA)



Conferencia de Esperanto, 21 de febrero de 2013, Facultad de Derecho, UNAM.

Inter la legitaj mesaĝoj troviĝis saluto de la prezidanto de HEF, kiu rememoris la ligojn inter la meksikiaj kaj hispanaj esperantistoj, simbolitajn per la figuro de la unua profesoro de Esperanto en la UNAM, Juan de Oyarzábal y Orueta. Naskiĝinta en Malago (Hispanio), li devis ekziliĝi en Meksikion, kie li disvolvis brilan sciencan karieron. Ĝuste kelkajn tagojn antaŭ la konferenco oni celebris la centjaran datrevenon de lia naskiĝo.

---

# AMASKOMUNIKILOJ

Raporto pri Esperanto en Aragono aperis en la ĵurnalo Heraldo de Aragón, la 2-an de marto, okaze de la venonta okazigo de la Hispana Kongreso.
http://www.heraldo.es/noticias/aragon/2013/03/02/
el_esperanto_una_lengua_viva_aragon_224748_300.html Eunice Alberto, Lorenzo Noguero, Antonio Marco kaj Pilarín Zaragoza en la sidejo de Frateco, en ĵurnalo Heraldo de Aragón



Du raportoj rilataj al Esperanto aperis en la ĵurnalo Faro de Vigo. Unu el ili, la 17-an de marto, temis pri historio de Esperanto en Pontevedro, kun mencioj al la epoko kiam forta grupo ekzistis en tiu urbo kaj en la apuda Vigo: http://www.farodevigo.es/portada-pontevedra/2013/03/17/
pontevedra-hablo-esperanto/775526.html
La alia, de la 24-a de februaro, estis dediĉita al la memoro de Emilio Crespo, instruisto en San Paio de Navia, en kiu oni menciis lian agadon por Esperanto, kaj liajn verkojn en kaj pri tiu ĉi lingvo.
http://www.farodevigo.es/gran-vigo/2013/02/24/inolvidable-maestro-san-paio-navia/763100.html
Granda kaj tre bona artikolo dediĉita al nia samideano Eduardo Larrouy, okaze de lia centjariĝo, aperis en la ĵurnalo Deia, la 18-an de marto, kun titolo "Un esperantista centenario"

http://www.deia.com/2013/03/18/bizkaia/un-esperantista-centenario

VIGO EN VIKIPEDIO

Fine de marto, la "artikolo de la semajno" en la esperanta versio de la fama reta enciklopedio Wikipedia (Vikipedio) estis tiu pri la Esperanto-movado en Vigo http://eo.wikipedia.org/wiki/Esperanto-movado_en_Vigo

**EKSPOZICIO DE LA CGT**




La esperanta ekspozicio de Confederación General del Trabajo (CGT) kiu estis prezentita unuafoje en Burgos, kaj pri kiu ni informis en pasinta numero de Boletín, daŭrigas sian elmontradon en diversaj urboj de la duoninsulo. Ĝi estis jam montrita en la distrikto Baix Llobregat, konkrete en Cornellà kaj en Sant Boi, kaj en marto en la eŭska urbo Rentería / Errenteria.
Krom la ekspoziciado de paneloj, en ĉiuj okazoj oni ankaŭ programis prelegojn aŭ libroprezentadojn. La ekspozicio estos vizitebla ankaŭ en Madrido dum la kongreso de SAT.

**ARTA MUZEO EN VITORIO PREZENTIS FILOMUJN EN ESPERANTO**

La Muzeo pri Nuntempa Arto de la vaska ĉefurbo, Vitorio (hispane Vitoria, eŭske Gasteiz), **Artium**, organizis fine de februaro kaj komence de marto, ciklon de filmoj rilataj kun la lingvo, la misteraj meĥanismoj de ĝis lernado, kaj ĝia kapablo kondiĉigi la komunikadon inter la personoj kaj la formadon de la socio, sub la nomo *Supercalifragilístico*. Ĝi prezentis dum tri semajnfinoj diversajn tre malsimilajn filmojn, el holivudaj produktoj ĝis sendependaj dokumentaĵoj, inklude de vaska filmo kaj muta prakinaĵo. La ciklo estis ligita al la ekspozicio *Of More than One Voice*, de serba artisto, loĝanta en Roterdamo, Katarina Zdjelar, kiu pritraktas aspektojn de la komunikado kaj la lingvolernado.
La muzeo kontaktis kun HEF, por peti konsilojn kaj kunlaboron por dediĉi parton de la ciklo al la kino en Esperanto. Ni faris kelkajn sugestojn, kaj kontaktigis la organizantojn kun diversaj aŭtoroj kaj reĝisoroj, por havigi la filmojn kaj ankaŭ la necesajn aŭtorrajtojn. Post kelkaj interŝanĝoj, la duan semajnfinon, la 9-an kaj 10-an de marto, oni dediĉis al la kino en nia lingvo, kiu lastatempe sufiĉe multe progresis.
Sabate oni projekciis la filmon de Sam Green, *La universala lingvo* (2011), portreton de Esperanto kaj ĝiaj parolantoj (tre aktiva komunumo, laŭ la programo de la festivalo mem), kiu samtempe estas kortuŝa kaj plena je espero kaj humuro. En la sama sesio, oni projekciis mallongan hispanan filmon de la jaro 1933, mutan, titolita *Memmortigo* (tiel en Esperanto!). Ĝia aŭtoro estas Delmiro de Caralt, unu el la lanĉintoj de la avangarda kinoarto en Katalunio. Dimanĉo estis rezervita al la filmo *Gerda malaperis*, reĝisorita en 2006 de Joe Bazilio. Temas pri adapto de krimromano de Claude Piron, tre utiligata por instruado de Esperanto, ĉar la lingvaĵo evoluas laŭlonge de la filmo, kreskigante la kompleksecon de la utiligata vortostoko.
Laŭ la komentoj de la respondeculoj, la sperto estis tre pozitiva, kaj la spektantoj montris intereson kiel la lingvo aspektis kaj "sonis". Dum tiu semajnfino ankaŭ ĉeestis grupeto de vitoriaj samideanoj.
La afiŝo de la ciklo inkludis bildojn de la filmoj en Esperanto. La kompleta programo kaj aliaj detaloj estas konsulteblaj hispane, vaske kaj angle en la retejo de Artium. http://www.artium.org/castellano/actividades/cine/tabid/121/vw/3/itemid/1052/d/20130302/language/es-es/supercalifragil%C3%8Dstico-ciclo-de-cine.aspx

Rete

# Retejoj por lerni aŭ perfektigi lingvo-scipovon

Kara leganto, vi preskaŭ certe konas lernu.net, kiu estas la plej grava retejo por lerni Esperanton jam de multaj jaroj. Vi eble aliĝis iam kaj uzis ĝin dum iom da tempo. Vi lernis per ĝi, aŭ vi nur scivoletis, tralegis, eĉ skribis komenton en la forumo (ĉu nacilingva, ĉu esperantlingva). Tamen, eble vi ne scias, ke estas aliaj retejoj nuntempe per kiu eblas lerni novajn lingvojn, aŭ perfektigi ilin... kie disponeblas ekzercoj kaj gramatikaĵoj ankaŭ en Esperanto!

La plej grava laŭ mi estas Livemocha, kies radikoj devenas el Seattle, en Usono. Tiu ĉi senpaga retejo ebligas ekkoni lingvojn tiel ekzotaj por niaj eŭropaj oreloj kiel la estona, la islanda, la indonezia aŭ urduo. La sistemo estas simpla: en ĉiuj lecionoj oni povas lerni vort-provizon per bildoj, poste priekzerciĝi kaj fine redakti tekston pri tiu temo kaj legi alian. Estas vere, ke mankas indikoj pri gramatiko, sed la plej mirinda afero estas, ke la korektantoj de tiuj ekcercoj estas la uzantoj mem. La denaskaj parolantoj, miakaze de la hispana, korektas kaj konsilas kaj per tio, ili gajnas poentojn aŭ steletojn, kiuj estas, ni diru, moneroj por akiri pliajn kursojn. Tiamaniere, la retejo povas funkcii senpage sufiĉe bonkondiĉe. Prave, kelkaj uzantoj ne tro bone faras la korektadon, sed la plimulto penas fari ilian taskon plej bone kiel eble. Alvenas momento, kiam oni petas korektadon nur al la "amikoj" kiuj jam helpis onin kaj kiujn oni jam helpis. Sufiĉe bone elpensite, ĉu ne? Do, fine, malgraŭ la ne tro perfekta kvalito de kelkaj lecionoj, ĉefe de la malplej scipovataj lingvoj, la retejo jam atingis 16 milionojn da uzantoj, multaj brazilanoj ĉar la edukada departamento de registraro de brazila provinco interkonsentis kun livemocha pri pli facila aliro de ĝiaj studentoj.

Mi ankaŭ uzis polyglot-learn-language.com. Tie Esperanto ankaŭ troviĝas. Sed nur havas ĝi unu avantaĝon rilate al livemocha. La retbabilado funkcias pli bone. En livemocha oni nur povas retbabili petante konversacion al iu konkreta homo. Tamen, ĉe Polyglot, oni povas eniri ĉe komuna retbabilejo, kiu, post kontrolo de kelkaj uzant-profiloj, oni povas konversacii per tajpado nur kun homo en privataj "ĉambretoj", kaj tiamaniere la praktiko de la lingvo estas tre glata. Evitindas uzi tuttempe la ĉefan ĉambron de la retbabilejo ĉar pluraj aroj povas interveni samtempe. Tiam, oni devas distingi onian propran dialogon inter aliaj s kribitaj en la rusa, la portugala kaj la araba, ekzemple. Tro ĥaose!

Mi jam estas provinta aliajn tiajn retejojn, sed nur povas konsili la menciitajn. Nun estas alia metodo lerni kaj plibonigi Esperanton. Mi multe lernis korektante ekzercojn kaj pripensante solvojn al ne tute ĝustaj frazoj skribitaj ne de mi. Ĝi ja estas bona mensa ekzerco por iu ajn lingvo.

Eduardo Berdor



# Esperanto kaj neperforto en gazeto

Okaze de la celebrado la 30-an de januaro de la Tago de Paco kaj Neperforto en la Lernejo, la gazeto "Global Education Magazine" decidis dediĉi tutan numeron al la temo, kaj kontaktis kun Hispana Esperanto-Federacio por inkludi kontribuon pri la rolo de Esperanto en la kulturo pri paco kaj neperforto. HEF kontaktis kun la barcelona esperantisto Javier Alcalde, specialisto pri paco, kaj esploristo pri malarmado kaj sociaj movadoj en la Internacia Kataluna Instituto por Paco en Barcelono, kiu volonte verkis artikolon dulingvan, hispane kaj esperante pri la temo.




La artikolo aperis en la numero 2 de la revuo. Ĝi estas rete legebla en [www.globaleducationmagazine.com/esperanto-kaj-neperforto/](www.globaleducationmagazine.com/esperanto-kaj-neperforto/)

La hispana versio estas legebla ankaŭ en la retejo de HEF:

[http://www.esperanto.es/hef/index.php/que-es/historia/el-esperanto-y-la-noviolencia](http://www.esperanto.es/hef/index.php/que-es/historia/el-esperanto-y-la-noviolencia)

# Esperanto en Kantono (Ĉinio)

La 9-an de marto komenciĝis kurso de Esperanto, por universitataj gestudentoj, kun la ĉeesto de 12 el ili, speciale elektitaj pro ilia akademia kvalito.
Ĉiuj montris sian pretecon rapide kaj serioze lerni la internacian lingvon.
La instruisto estas Augusto Casquero el Hispanio.



# LASTE HASTE… PRI LA 72-A HEK

Jam temp' estas por la 72-a HEK (Hispana Esperanto-Kongreso) en Zaragozo.
Jen kelkaj rapidaj notoj je lasta momento:

Okaze de ia dubo aŭ problemo, jen eblaj kontaktoj:
Per e-adreso de la loka grupo: fratecoesperanto@yahoo.es
Per teléfono: 976357220 / 658106046 (Lorenzo Noguero)
La oficiala bankedo okazonta sabate estos en loko limigita por difinita nombro de personoj. Se vi volas partopreni komuniku tion baldaŭ. La prezo estas 35 eŭroj sed "Frateco" decidis helpi ekonomie kaj sekve ĉiu partoprenonto devos pagi nur po 25 eŭroj.

La definitiva programo estos preskaŭ sama al la provisora programo jam anoncita.
En la Kongreso ekzistos Libro-Servo zorgata de SATenH.

Eduardo Berdor ebligos spektadon de filmetoj kun subtekstoj en esperanto.

La oficiala fermo de la Kongreso okazos dimanĉe tagmeze. Tamen, vespere eblos profiti por fari promenadon tra la urbo kaj viziti kelkajn lokojn laŭ intereso de la partoprenontoj. Interesatoj pri muzeoj devas atenti ke dimanĉe vespere ĉi tie la muzeoj ĝenerale estas fermitaj. Sekve, oni devus profiti en alia momento.

Tiusence, indas mencii ke ekzistas ekspozicioj tre interesaj en loko nomata "Centro de Historias" (adreso: placo S. Agustín). Tiu pri paperfaldado (kun alporto de francaj artistoj) estas vere vizitinda. En alia pri skoltistoj en Aragono, Esperanto estas menciata. Jen konkretaj datenoj:

Ekspozicio pri paperfaldado ("Origami") "La magio de la papero"
De la 14-a de marto al 16-a de junio

(Vizit-horaro: marde al sabate: 10 – 14 h kaj 17 – 21 / dimanĉe aŭ feritage: 10 – 14).

Certe la ekspozicio surprizigos vin.



Ekspozicio "100 años Scouts en Aragón" (100 jaroj de skoltistoj en Aragono).
De 28-a de februaro al la 12-a majo de 2013
(Vizit-horaro: marde al sabate: 10 – 14 h kaj 17 – 21 / dimanĉe aŭ feritage: 10 – 14)

En iu loko oni povas legi: "1925: Se inician cursos de esperanto en Zaragoza en colaboración con la Asociación Frateco".

En la ekspozicia broŝuro oni mencias nian lingvon: "El esperanto hace su aparición como lengua universal".

**PROGRAMO DE LA 72-A HEK**

**VENDREDE** (3-a de majo)

10:30 NeSolena malfermo de la Kongreso
11:00 Prelego de Antonio Marco: “Komentoj pri Donkiĥoto kaj ĝia tradukinto”. Omaĝo al Fernando de Diego. Donacado de ekzemplero al ĉiu kongresano
12:30 Interkona mateno
16:30 Vizito al Aljafería (NOTO: antaŭe, rendevuo en hotelo por iri kune)
19:00 Muzika prelego de Eduardo Berdor: “La valsoj de Chopin, romantika ĉefverko”
21:00 Muzika spektaklo de SoloTronik (“Sala El Zorro”. Centro Comercial Independencia “El Caracol”. Paseo Independencia, 24)

**SABATE** (4-a de majo)

10:30 Solena malfermo de la Kongreso
11:30 Prelego de Miguel Fernández: “Poezio: armilo ŝargita per futuro. Esperanta antologio de hispana poezio kontestema, engaĝiĝinta, socia kaj revolucia”
13:00 Prezento de ludkartaro de Abel Montagut: Ludkartoj el la serio “Talismanoj” pri “Mil kaj unu noktoj / Al-Andalus”
14:00 Oficiala bankedo
17:30 Prelego/ateliero de Jorge Camacho: “Esperanto kaj poezio”
18:45 Prelego de Antonio Valén: “Kalmo kaj malkalmo ĉe Kálmán Kalocsay”
20:00 Muzika prezentado de JoMo (“Sala Creedence”. Plaza San Lamberto, 3)

**DIMANĈE** (5-a de majo)

10:30 Prelego de Antonio Marco: “La poezi-difino”
11:30 Esperanto-Instruado. Ĉu ILEI en Hispanio?
12:00 Asembleo de HEF
13:30 Oficiala fermo
En la sidejo de la asocio "Frateco": Eventuale (se estas interesatoj) okazos enkonduka kurseto pri Esperanto.



# DONO DE ORDENO

Dum akcepto ĉe la hispana ambasadoro en Norvegujo, Antonio López Martínez, merkredon la 13-an de marto 2013, al ekslekciisto pri la hispana lingvo ĉe la Universitato de Oslo, Otto Prytz, oni donis hispanan ordenon. La ordena diplomo tekstas jene, en traduko:



"Otto Prytz, inter lia edzino Pilar Menéndez kaj la ambasadoro de Hispanio en Norvegio, Antonio López Martínez."

"Juan Carlos I, Reĝo de Hispanujo, volante doni pruvon de mia aprezo al Vi, sinjoro Otto Bernt Prytz, bonvolis doni al Vi per mia reĝa decido de la 6-a de decembro de 2012 la Komandorecon de la Ordeno pri Civila Merito. Tiel, mi koncedas al Vi la honorojn, distingojn kaj uzon de la insignoj, kiuj apartenas al Vi, laŭ la statutoj, fidante, ke, pro la kvalitoj, kiuj distingas Vin, Vi diligentos kontribui al la plejeble granda brilo de la Ordeno. Kaj ĉi tiun diplomon, kiun legalizos la Ministerio pri Eksteraj Aferoj kaj pri Kooperado, enskribos la Registristo.
Donita en Madrid, je 20a de decembro de 2012"

La akcepton malfermis la ambasadoro, dirante, ke Otto Prytz dediĉis la plej grandan parton de sia vivo, aŭ almenaŭ sian tutan profesian vivon, al instruado pri la hispana lingvo, kiu nun estas parolata de preskaŭ 500 milionoj da homoj en pli ol 20 landoj. Li aparte emfazis la rolon de Prytz kiel tenanto de scio kaj kiel ĉenero en la ĉeno de perado de la scio. Ĉi tio utilis al generacioj de lernantoj, instruistoj kaj esploristoj, asertis la ambasadoro, kaj ĝuste ĉi tio igis s.ron Prytz meriti la ordenon.

La sekva parolanto estis Knut E. Sparre, kiu estis instruisto pri la hispana lingvo ĉe la Universitato de Oslo, kiam Otto Prytz studadis. Tamen li unuafoje renkontis Prytz plurajn jarojn pli frue, verkante artikolon por la programkajero pri hispana teatraĵo surscenigita en la Norvega Teatro.

Ĝia ago okazas en lernejo por denaskaj blinduloj, kaj Sparre volis intervjui du "ekzemplerojn de la specio". Ilin li trovis en la blindullernejo Huseby, kaj Otto Prytz estis unu el ili. Granda estis la surprizo de Sparre, kiam Prytz aperis en liaj lekcioj pri ĝuste tiu teatraĵo! Sparre menciis la engaĝon de Prytz pri Esperanto kaj lian membrecon en la Akademio de Esperanto. Plie li menciis la intereson de Prytz pri ŝako, kiu igis la Norvegan Ŝak-asocion doni al li distingon. Fine li informis, ke Prytz estas prezidanto de la Norvega Komisiono pri Brajlo, nomumita de la Ministerio pri Kulturo. La paroladon komencis kaj finis frazo en Esperanto.

La parolon poste ricevis unu el la proponintoj, José María Izquierdo, kiu laboras ĉe la Universitato de Oslo, sed kiu ĉi-okaze reprezentis la estintajn studentojn de Prytz. Li emfazis, ke Prytz - malkiel iuj aliaj universitataj instruistoj - ĉiam ĉeestis por la studentoj, ilin aŭskultis, kaj ilin ne traktis de supre. Li gratulis s.ron Prytz pro lia distingo ne nur en sia propra nomo, sed ankaŭ en la nomo de la asocio de norvegaj instruistoj pri la hispana lingvo, kiun li prezidas. Same kiel Sparre, ankaŭ Izquierdo rakontis anekdotojn pri tio, kiel Prytz, estante blinda, akompanis vidantojn, kiuj perdis la vojon.

Poste oni voĉlegis la ordenan diplomon, kaj ambasadoro López Martínez ornamis s.ron Prytz per la insigno.

Poste Prytz prenis la parolon por fari la respondan paroladon atendatan je ĉi tiaj okazoj. La reguloj de ĉi tiu ĝenro - ĉu skribitaj aŭ ne - diktas, laŭ Prytz, ke la parolanto diru, ke jen surprizo kaj bone konservita sekreto. Tamen Prytz preferis esti honesta. Li diris, ke antaŭ hodiaŭ li ne scias konkrete, kiun distingon li ricevos, sed li suspektis, ke io estas preparata. Plie la reguloj de la ĝenro diktas, ke la parolanto diru, ke ĉi tio estas tute nemeritita - kvankam la parolanto en sia interno opinias, ke jam estas tempo esti rekonata. Pri tiu punkto Prytz esprimis ĝojon povi plenumi la kondiĉojn de la ĝenro kaj samtempe esti honesta. Certe li diskonigadis la hispanan lingvon en Norvegujo, sed tio nur estis lia laboro, laboro, kiun li akiris parte hazarde, parte per "kataliziloj", i.a. Knut Sparre, kiu kuraĝigis lin celi universitatan karieron. Kaj certe Prytz kontribuis al la norveglingva antologio "Hispanujo rakontas", sed nur per tri tekstoj; li nek iniciatis nek redaktis ĝin. Kaj certe li jen kaj jen faris lingvosciencan prelegeton pri la hispana, sed aliaj, ekz. José María Izquierdo, publikigis multon pli, ne ricevinte distingon. Prytz trovis konvene citi el reprezenta hispana literaturaĵo, kaj li elektis fragmenton el "La Libro de Bona Amo", el la 14-a jarcento. La fragmento temas pri "la ecoj, kiujn la malgrandaj virinoj havas", kaj la poeto donas multajn komparojn. En malmulta sukero kuŝas multa dolĉeco; en malgranda grajno da pipro kuŝas pli da gusto ol en granda juglando; en malgranda rozo kuŝas multa koloro; en malmulta oro kuŝas multa valoro; en malmulta balsamo kuŝas multa bonodoro; malgrandaj birdoj kiel la alaŭdo kaj la najtingalo kantas pli bele ol grandaj birdoj. Ĉu estas imageble, miris Prytz, ke tiuj, kiuj donis al mi la distingon, opinias, ke en la malgrandaĵoj, per kiuj mi kontribuis, kuŝas pli ol mi mem imagas? Li finis, direktante profunde sentatan dankon, sed ĉar li ne estis certa pri tio, al kiu direkti la dankon, li uzis iom arĥaikan leteran formulon kun la signifo "al tiuj, kiujn ĝi koncernus".

Per tio finiĝis la oficiala parto de la ceremonio, sed la kvardeko da ĉeestantoj daŭrigis manĝetante, trinketante, kaj agrable babilegante. La aranĝo estis simpla kaj homeca, bonstila, sed ne solenaĉa.

"Rete: *La Balta Ondo* http://sezonoj.ru/2013/03/ordeno/ *La Ondo de Esperanto*, 2013, №4–5."

---

# BITOTEKO EN EUROPEANA

Bitoteko en *Europeana:* finfine!




En Boletín n. 399 ni informis pri tio, ke la Bitoteko estas tuj aperonta en la portalo de *Europeana*. HEF publike anoncis la novaĵon pri ĉi aliĝo la 15an de decembro 2012, kadre de la Simpozio pri la valoro de Esperanto kiel interkultura fenomeno (*Jornada sobre el valor del esperanto como fenómeno intercultural*), organizita de Madrida Esperanto-Liceo. Kaj laŭ la plano, Bitoteko devintus jam aperi en *Europeana* tiun tagon: HEF kaj la Ministerio pri Kulturo intense laboris tiucele. Sed tiam la prizorgantoj de *Europeana* prilaboradis la ĝisdatigon de la sistemo, pli longdaŭran ol atendite, kaj la integriĝo de Bitoteko en *Europeana* povis efektiviĝi nur tri monatojn poste.

Efektive, ekde la pasinta 15a de marto 2013 eblas finfine trovi dokumentojn el Bitoteko en *Europeana*.

Plie, ni jam instalis en la bitoteka retejo tiun programeton (pri kiu ankaŭ ni jam parolis en la pasintnumera artikolo), kiun *Europeana* havigas al siaj provizantoj de metadatenoj. Tiu programo ebligas, per la bitoteka serĉilo, trovi samtempe kaj la dokumentojn el la propra datenbanko kaj la ceterajn taŭgajn rezultojn el la datenbanko de *Europeana*, se ili ekzistas. Reciproke, ĉiu aliaj provizantoj de metadatenoj povas, se ili ankaŭ instalis tiun programon en siaj retejoj, ne rekte aliri la Bitotekon pere de *Europeana*.




Ni invitas vin ekkoni la Bitotekon. Ĝi enhavas pli ol tri mil rikordojn kaj konstante kreskas. Certe vi trovos tie pli da interesaj dokumentoj ol vi atendas!

**Ligiloj:**
Bitoteko: http://bitoteko.esperanto.es
Hispana: http://hispana.mcu.es/
Europeana: http://www.europeana.eu

Ana Manero. Biblioteko Juan Régulo Pérez

# IBERIA RENKONTIĜO

Inter la 15-a kaj la 17-a de marto disvolviĝis en junulargastejo *San Fermín* de Madrido, la Iberia Renkontiĝo organizita de Hispana Esperantista Junulara Societo (HEJS). Partoprenis ĉ. kvindeko da homoj kiuj povis ĝui tre diverstemajn programerojn, distrajn, klerigajn kaj amuzajn.

Vendrede vespere, la prezidanto de HEF prezentis la lingvon al interesiĝntoj, kaj poste okazis interkona vespere.

Sabate matene kaj vespere estis organizitaj diversaj prelegoj kaj atelieroj. Dum la tuta tago eblis viziti libroservon organizitan de SAT-en-Hispanio. Ankaŭ okazis kurso por komencntoj.

Dum la nokto de la sabato, la ĉeestantoj partoprenis viziton sekvantan la paŝojn de la literatura rolulo Max Estrella de *"Luces de Bohemia"* (*Lumoj de Bohemio*) de Valle-Inclán, gviditan de Miguel Fernández. Oni haltis ankaŭ por deklami, kaj je la fino, en drinkejo *Bar Kunin* por ni rezervita, oni ludis pecon de la verko, kaj oni kantis pecojn en Esperanto.

Post tiom da esperanta kulturo, dimanĉe matene oni simple biciklis ĉe la riverbordo de Manzanares kaj piknikis en urba parko en Madrido, finante per tio la renkontiĝon.

La Redakcio



## Poezio

### Mi ne plu forgesos

Amo kaj melankolio kunestas,
ĉar malaperis la vivo
ĉe la granda valo,
kie loĝis birdoj,
kaj sovaĝaj bestoj
kaj grandega arbaro.
Fajro bruladis kruele,
vento senkalma vigligis
teruran dancadon
de flamaj dancistoj.
Amo kaj melankolio,
mi de nun spertas,
amon al la estingita vivo,
ĉar vivo kaj amo forestas.
Aspektas la valo, enorma
kaj nigra deserto,
senluma,
senvesta,
senkalma,
kaj trista kiel mia tristo.

Amo kaj melankolio kunestas.
La valo ne verdas.
La suno ne helpas arbaron
kiu nune, senfolia estas.
Centoj da trunkoj
staras sur la valo nigra,
kaj baldaŭ segilo
la tuton distranĉos.
La ne karbiĝitajn,
por fari meblaĵojn,
kaj iom post iom
la mortinta parko,
ekologiisto,
baldaŭ reviviĝos,
sed mi jam neniam forgesos
nek belegan valon,
nek mortintajn bestojn
kaj ceteran vivon.

Ángel Arquillos

## Februarbraĝoj

Ferkapa pap' abdikis, somero antipodas,
la Teron preterflugas sen tuŝ' asteroido,
rusan ĉielon sagas en flama fal' bolido,
masakras homoj homojn, plia milit' eksplodas.

La mondon de la homoj la homa mond' erodas.
Ĉu regas nin kanajloj, ĉu mono kaj avido –
ĉirkaŭas nin mizero, perforto kaj perfido,
dum feble homajn korpojn kaduko jam korodas.

Kaduko en la ĉeloj, inside kaj konstante,
kaj ankaŭ en ĉi farso de maskoj karapacaj,
de bestoj dupiede senharaj kaj grimacaj.

Ho, se (anstataŭ homi) ni starus arbe, plante,
ne kun fortik' de kverkoj aŭ rezistem' de pinoj
sed kun karese volva verdeco de anzinoj! [1]



Jorge Camacho

[1]**anzino**: (hispane *encina*, katalune *alzina*, portugale *azinheira*) daŭrfolia arbo precipe mediteranea (*Quercus ilex*; en *NPIV* nomata "verda kverko" aŭ "ilekskverko"; la nomo "anzino" aperis i.a. en *Mondoj* 2001, *Koploj kaj filandroj* 2009, *Ombroj sur verda pejzaĝo* 2012).

# VIVU LA TEATRO![1]
# (IV)

(Daŭrigo)

*(Miguel Fernández sursceniĝas.)*

**MIGUEL:** Tia protagonisto kaj tia strofo, nome prizonulo, kiu romance rakontas siajn suferojn, tre ŝatatas de la hispanaj aŭtoroj kaj publiko. En la dudeka jarcento, tiun temon traktis i.a. la poeto Marcos Ana, la plej longdaŭre mallibera el la enkarcerigitoj pro politikaj kaŭzoj en la Franco'a diktaturo. Marcos Ana pasigis 23 jarojn en prizonoj. En 1961, dank' al la demarŝoj de i.a. Amnestio Internacia, li estis liberigita. Marcos apartenis al familio tiel malriĉa, ke, jam en sia frua aĝo, li devis labori kaj preskaŭ ne povis viziti la lernejon, do li estas vera tipo de mirinda aŭtodidakto aŭ memlerninto. Lia poemo *Mia kor' estas korto*, simpla sed emoci-plena romanceto, vive spegulas la doloron spertatan de homo jam de tiel longe mallibera, ke li preskaŭ forgesis la eksterkarcerajn vivon kaj aĵojn. Tiujn li ne povas plu klare elvoki eĉ en sonĝoj aŭ en revoj.

Min aparte kortuŝis kaj honoris esperantigi ĉi poemon. Ni ĝuu ties nudan kaj vibrigan lirikecon en voĉlego de Manuel Parra. *(Miguel foriras.)*

*(Aŭdiĝas refoje la muzikpeco* Españoleta *[antikva hispana danco], el* Fantasía para un gentilhombre *[Fantazio por reĝo-serva nobelo], de Joaquín Rodrigo.)*

**MANOLO:**

***MIA KOR' ESTAS KORTO*** (Al María Teresa León)

*La ter' ne estas ronda,*
*sed nur kvadrata spaco,*
*kie rond-iras homoj*
*sub ĉielo el stano.*
*Mi sonĝis, ke la mondo*
*estas ronda spektaklo,*
*kiun ĉiel' envolvas,*
*kun multaj urboj, kampoj*
*pacaj, tritikoj, kisoj,*
*riveroj, montoj, maroj*
*vastaj, kie navigas*
*la koroj kaj la barkoj.*
*Sed mond' estas kvadrato,*
*korto, kie rond-iras*
*homoj senaj je spaco.*
*Kelkfoje ĉefenestre*



[1]Kaj la prezento de Miguel Fernández kaj la deklamo de Manuel Parra rete spekteblas ĉe: http://www.youtube.com/watch?v=ltvb3gcH-H8

*palpadas mi kun ardo*
*perokule lum-vivon*
*el mia reva ago*
*kaj diras: "la mond' estas*
*iom pli ol ĉi slaboj,*
*sur kiuj mi triviĝas,*
*pli ol kort' aŭ kvadrato".*
*Kaj sonas liber-holmoj,*
*voĉoj el la poplaro*
*kaj blua river-lirlo*
*kiel eŝafod-kadro.*
*"Jen la viv' ", al mi diras*
*la aromoj, la kanto*
*ruĝa de la kardeloj,*
*la muzik' en la glaso*
*blua-blanka de l' tago,*
*rido de iu knabo...*
*Sed estas ĝi nur revo*
*(la kort' estas la flanko*
*de rev'*
*fronte al agroj).*

*Aŭroras mi, transreve*
*ĉio estas kvadrato,*
*korto, kie rond-iras*
*homoj senaj je spaco.*

*Prizone mi naskiĝis*
*antaŭ centoj da jaroj,*
*forgesis do la mondon,*
*la kanton de la arbo,*
*la pasion surlipe*

*ekbruligantan amon,*
*ĉu estas pord' sen ŝloso,*
*ĉu estas man' sen najloj!*
*Mi pensas ke, transreve,*
*ĉio estas kvadrato,*
*korto sub ĉielpeco*
*ĉifona de fosaĵo,*
*tranĉata de la muraj*
*kaj fulmoŝirmaj glavoj.*

*Eĉ ne la sonĝo portas*
*min plu al liber-jaroj.*
*Jam ĉio, eĉ ensonĝe,*
*ĉio estas kvadrato.*

*Korto, kie rond-iras*
*mia koro kun najloj;*
*mia koro senvesta;*
*mia kor' en klamado;*
*mia koro kun griza*
*konturo de kvadrato,*
*korto, kie rond-iras*
*homoj ade, sen halto.*

*(Manolo foriras)*

*Miguel Fernández*

# Li nomiĝis Silvestre (rakonto)

La lasta loĝanto de Pano nomiĝis Silvestre, kaj estis amiko mia. Ĉiuj estis foririntaj antaŭ longe, kiam la elmigrad-tajdo balais la pirineajn vilaĝojn, sed li restis kun sia edzino. Li restis kiel restis la rokoj, aŭ la fontoj, aŭ la centjaraj korko-kverkoj. Eble lia edzino grumbladis iom kiam ŝi subiris al la fontano ĉiun tagon por havigi akvon, aŭ kiam ŝi plenigis je karbonido la lampon per kiu la geedzoj prilumadis sin kaj ŝi pensis, ke en la urbo sufiĉis malfermi kranon aŭ premi butonon por ekhavi tiom da akvo kaj lumo kiom dezirite. Sed ili estis feliĉaj.
Li havis malgrandan gregon da ŝafoj kaj kaproj, kio signifis nur peni malfermi la pordon de la ŝafejo ĉiun matenon por lasi ilin iri paŝti: ne plu estis kultivaĵoj kiujn oni povus damaĝi, kaj montet-flankoj pene prilaboritaj dum generacioj nun estis senfruktaj. Malgranda ĝardeno, proksime al la fonto, havigis al li terpomojn kaj legomojn. Kelkaj kokinoj libere bekantaj la stratojn provizis ilin per freŝaj ovoj. Se la memoro ne trompas min, iuj fig-arboj, granat-arboj, pom-arboj kaj prun-arboj donis fruktojn dum la somero kaj la aŭtuno. En la vilaĝa placo, apud la malnova

preĝejo, granda morus-arbo oferis ombron kaj dolĉan guston. Nun kiam tiu Silvestre enspezis sian emeritpension de la Sociala Asekuro, li havis la impreson naĝi en abundo. Tio, kio por alia signifus mizeron por li egalis al riĉ-abundo. Fine li povis aĉeti vestojn anstataŭ teksi ilin, li pagis la dom-imposton sen malbonkoste vendi la rikolton, li povis permesi al si akiri novajn sandalojn ĉiujare, kaj eĉ povis manĝi oranĝojn en vintro. Kion ceteran oni povas deziri por esti feliĉa? Ni ofte harnadis la ĉevalojn, du obstinajn maljunajn mulojn kaj senlace ni foriradis serĉi medicinajn plantojn en lokoj konitaj nur de li. Tiel ni trairadis dum horoj valojn kaj ravinojn, tiel forlasitaj, ke eĉ la paŝtistoj kaj ĉasistoj ne transiradis la areon. Kaj dum la vesperiĝo, ni revenadis kun la muloj ŝarĝitaj per roka teo, kamomilo, lavendo aŭ mento. Mi ne bezonis tiom, sed li male: ĉiu, kiu preterpasis Pano-n, ĉu pastro, ĉu ĉasisto, ĉu ĝendarmo, ĉu turisto, ricevis donacon de sako da aromaj herboj, por ke li elportu kun si la guston de la montoj, kie ajn li iros.
Laŭ Silvestre, neniam estis io malbona. Kiam iam ter-glito baris neuzatan vojon, tio estis "duonbone", malgraŭ tio, ke ni devis fari dumhoran ĉirkaŭiron; kiam ŝtormo minacis nin for de ajna ŝirmejo, la ĉielo indikis "duonbone", eĉ kiam li falis en malsanon, li ofte diris: "Dotor', duonmult' doloras." Tio ridetigis min, pro mia familinomo*. Sed ĉefe, tiu "duone" signifis milit-deklaro al la pesimismo, al la malbono, al la teruro. El Pano estis ekzilitaj malĝojo, malbono, fie-co kaj ĉio simila; almenaŭ parole.

Silvestre parolis kun bestoj kaj plantoj. Eĉ kun rubusoj, siaj ĉiamaj malamikoj, li klopodis paroli kaj konvinki ilin ne fermi la vojetojn, kvankam neniu transiradis ilin: kiu scias ĉu iam popolo revenos al la Pireneoj kaj bezonos vojojn por promeni de unu vilaĝo al alia? Kompreneble, la rubusoj ignoris lin kaj, tuj kiam Silvestre neglektis sin, ili blokis la vojon per sia dornaj tigoj. Tiam Silvestre skoldadis ilin kaj, post senkulpiĝo pro esti vundonta ilin, ili tranĉadis ilin per sia paŝtista tranĉilo.

Silvestre mortis iun aŭtunan nokton, dum li dormis pace. Lia edzino venis por averti min, post kvinhora marŝado. Ni entombigis lin en la tombejo de Pano, protektita de klifo kaj en la direkto de la sunsubiro, kiun li tiel amis kontempli. Poste ŝi vendis ŝafojn, kaprinojn, kokinojn kaj ĉevalojn, kaj iris al la urbo.

Mi daŭre transiris tiujn sekretajn vojojn, kiujn li montris al mi, sed mi sopiradis lin kaj liajn "samMediananoj". Tamen, la lokoj, kiujn li estis montrinta al mi estis tiel magiaj kaj belaj, ke eĉ la soleco, kiun nun ekposedis ilin ne malhelpis min reveni. La figarboj kiuj provizis je figoj al la reĝoj de Aragono, la kaverno kun akvofalo en ĝia interno, la kalvo de la arbaro kie la sorĉistinoj faradis iliajn sorĉojn, la hantata domo al kiu laŭ gepatra konsilo ni neniam devis alproksimiĝi nokte, la valo al kiu la birdoj ne volis iri, la akvominejo, kiun la maŭroj elfosis kaj kiu meztranĉas la monton laŭ pli ol kilometro...

La vilaĝo de Pano, kiu ĝis la morto de Silvestre estis rezistinta bone la pasadon de la tempo, lante ekdisfalis. Li, kiu zorgis la neloĝatajn domojn, neniam perdis esperon pri iama reveno de ĝiaj antaŭaj najbaroj, laciĝintaj de progreso.

Kaj iom post iom, la vilaĝo de Pano iĝis duonmalsana ĝis kiam li disfalis. Jam pasis preskaŭ du-dek jaroj ekde Silvestre mortis kaj restis orfe en la valo, sed mi ĉiam memoras ke la lasta loĝanto de Pano nomita Silvestre, kaj li estis mia amiko. FINO

Lorenzo Mediano, kuracisto,
verkisto kaj esperantisto loĝanta en Zaragozo

# Mia sperto en Herzberg (raporto)

La pasintan 21-an de februaro, mia edzino kaj mi, gastis ĉe nia samideano kaj amiko Wolfgang Günther en la germana urbo Kassel, ĉar ni interamikiĝis de antaŭ kelkaj jaroj kiam li loĝis en Rojales (Alikante) kaj ni renkontiĝis en diversaj naciaj kaj regionaj kongresoj, kaj ankaŭ dufoje dum la kataluna internacia semajno de la kulturo. Mi ankaŭ kunlaboras en la libro *Kiosko*, eldonita de li unufoje jare kun ege interesaj temoj kulturaj, ekologiaj, k.t.p. en diversaj lingvoj, ĉefe en Esperanto.




La ideo viziti lin estis ĉefe por ekkoni lian grupon de esperantistoj, kiuj jam sciis pri mia libro *mediteraneaj eroj,* kaj mi profitis la okazon prezenti ĝin al ili kaj ĝui dek neforgeseblajn tagojn en tiu malvarma, sed ĉarma regiono de Eŭropo. La grupo de gelernantoj estis tre simpatia kaj dum la prezentado kelkaj el ili demandis pri signifo de kelkaj vortoj kaj ĝenerale pri la pli sentemaj poemoj. Mi volonte respondis ĉiujn demandojn kaj deklamis kelkajn poemojn elektitajn de ili, kaj ŝajnis ke mia verketo estis tre bone akceptita de ĉiuj, kaj varmaj ovacioj ne mankis. Poste mi havis la okazon babili kun ili kaj ĝoje mi konstatis ke ilia Esperanto-nivelo estas sufiĉe bona, konsiderante ke ili studas bazan kurson. Kompreneble ĉiuj akiris ekzempleron, kaj mi, kvazaŭ elstara verkisto, sed iomete nervoza, dediĉis mian poemaron!.

Ni ankaŭ partoprenis la feston de la kvartalo, kie loĝas niaj geamikoj Wolfgang kaj Charlotte, pri la 1100-jariĝo de la urbo kaj ni ĝuis ne nur bonegan etoson, sed ankaŭ bongustan supon kuirita kun ingrediencoj de la mezepoko, varman vinon, freŝan bieron, diversajn dolĉaĵojn, ktp. Nia amiko Wolfgang muntis belegan ekspozicion pri poŝtarto, kun tre interesaj leteroj el multaj landoj, ornamitaj de belaj desegnaĵoj kaj poŝtmarkoj. Malgraŭ malvarmo kaj seninterompa neĝado mi ĝuis neforgeseblan feston kaj neniakaze mi plendas, tute kontraŭe, ni, kiel bonaj malaganoj, kiuj neniam vidas la neĝon, ĝuis ĝin kvazaŭ religian sperton.






La plej grava tago por mi estis la vizito al la urbeto Herzberg, la t.n. Esperanto-Urbo, kie antaŭ 100 jaroj aperis gazetoartikolo en la regiona gazeto pri Esperanto, ĝi situas meze de Germanio ĉe la flanko de la Harz montaro kaj estis nomita Esperanto-urbo ekde la 12-a de julio 2006, ĉar tiel estis voĉdonita de ĉiuj kvar partioj en la herzberg-a urba parlamento.

Poste la urbestro Gerhard Walter ricevis centojn da gratuloj el la tuta mondo. En ĉi urbeto la plimulto de la strat-ŝildoj estas skribitaj kaj en la germana kaj en Esperanto.

En la parko, apud frostigita lago, la nomoj de ĉiuj arboj estas tradukitaj en esperanton.

En la kastelo (el la jaro 1143) la plej granda konstruaĵo en Malsupra Saksio, ekzistas tre bela muzeo, sur kies tria etaĝo ni miris tre interesan ekspozicion pri Esperanto kun valoraj libroj kaj diversaj objektoj gvidataj de Petro Zilvar, kiu estas unu el la respondeculoj de la Esperanto-centro. Tamen, la Esperanto-Centro, anoncita en multaj strat-ŝildoj, estis kiel revo, ĉar granda esperanto-flago kokete flirtadas ĉe la pordo apud la eŭropa-standardo. Simpatia hungara sinjorino, Zsófia Kóródy malfermis la pordon kaj ricevis kaj invitis nin viziti la Centron, kun pli ol 7.000 volumoj kaj en Esperanto kaj en aliaj lingvoj, originala kaj tradukita literaturo, lingvistikaj verkoj, E-lernomaterialo, vortaroj kaj lernolibroj en pli ol cent diversaj lingvoj, gazetarkivo kun esperant-movadaj, kulturaj kaj fakaj gazetoj. Ŝi volonte montris al ni la plej interesajn kolektojn kaj centojn da esperantaĵoj, insignojn, flagetojn, bildkartojn. En ĉi domo ankaŭ eblas tranoktado por 6-10 personoj, kaj ĝi havas kursoĉambrojn kun 10-20 sidlokoj, modernajn teknikaĵojn, papertabulon, kopiilon, televidilon, videon kaj DVD-aparatojn, magnetofonon, komputilon kun interreto, projekciilon, ktp.




Oni povas ankaŭ partopreni interkulturajn vesperojn por veki la intereson pri lingvoj kaj kulturo de ne-esperanta publiko, e-lingvokursojn kun diversaj niveloj: komencanta, daŭriga/progresiga, konversacia, perfektiga en diversaj formoj: vesperaj, semajnfinajn, intensajn kaj por mem-/retlernantoj, kaj la plej gravaj: klerigkursoj/trejnado por estontaj E-instruistoj, ekzamenoj,




kvalifikado, pluklerigado de kursgvidantoj/instruistoj kaj preparo al lingvaj ekzamenoj de GEA/GEI kaj UEA/ILEI, kaj tiel plu. Dum proksimume unu horo ni babiladis pri niaj grupoj kaj kluboj, kaj mi ne hezitis oferti mian poemaron por la biblioteko, kiu estis akceptita de Zsófia Kóródy, kun ĝojo kaj varma ovacio de la grupo. Bongustaj dolĉaĵoj kaj kafo ne mankis, kaj kompreneble, komuna foto, ĉar ni ne estis solaj, ni estis kun du kaj unu polo, Irene kaj Elizabeta instruistinoj pri baza kaj daŭriga kursoj, la polo estis komencanto, kaj ĉiuj ankaŭ partoprenis pliajn eventojn de la urbo, kaj tranoktis en la sama hotelo, t.e. la "Zum Pass Hotelo", starigita ĉe la Nacia Parko Harz, kie ni povas legi la menuon en Esperanto kaj ni povas mendi en la internacia lingvo. La ĉefino estas tre simpatia polino, kiu tre bone regas la lingvon kaj atendis nin kun granda entuziasmo kaj amika sinteno. Mi rekomendas ĉi hotelon al ĉiuj esperantistoj, ĉar la prezo estas tre malalta kaj la ĉambroj tre komfortaj. La manĝoj, bone kuiritaj laŭ la germana stilo.

Alia neforgesebla tago estis la komuna festo kun esperantistoj alvenintaj el diversaj urboj de Germanio kaj kelkaj geamikoj ne esperantistoj de la kvartalo de Kassel ĉe la kultur-centro, kie mia amiko Wolfgang gvidas bazan kurson ĉiujaŭde, kiuj partoprenis kaj aŭskultis mian deklamadon, kompreneble en Esperanto, sed ili varme aplaŭdis kaj ni ĉiuj ĝuis gustumante diversajn manĝojn akompanataj de bieroj kaj germana vino.



Alia bela sperto estis tramo-promenado tra la urbo, kiu kondukis nin ĝis malmultekosta restoracio, kie ni gustumis kokidon, tipan germanan kolbason kaj bongustajn sandviĉojn, kompreneble akompanataj de freŝa biero, ĉar trinkaĵo ne mankas en Germanio. Mi ne devas forgesi la viziton al la muzeo de la fratoj Grimm kaj al la kvartalo kie staras marmora busto de Zamenhof.

Almenaŭ unufoje en nia vivo, ni devus viziti la urbon Herzberg, ĉar tie oni spiras esperantan etoson kaj ni havas la eblecon konatiĝi kun pluraj geesperantistoj el diversaj landoj. Mi planas ripeti la sperton.

Ángel Arquillos

# **Eduardo Larrouy López** (1913-)
## (omaĝo)

Elstara vaska esperantisto, nun centjaraĝa, ja kiel ni jam menciis li naskiĝis en la jaro 1913, origine el la franca Vaskolando, kaj esperantistiĝis en la jaro 1932 en E-kurso gvidata de la tiama prezidanto de la "Esperantista Grupo de Bilbao" s-ano Diaz Chapartegui, kaj de tiu momento li estis nelacigebla aktivulo de la Esperanta Movado en Vaskolando.

En la jaro 1935 li estis elektita sekretario de la loka Esperantista Grupo kaj prezidanto de "Komiza Esperanta Grupo", en ambaŭ Centroj li gvidis Esperanto-kursojn ĝis la jaro 1937, kiam la faŝistoj konkeris Bilbaon kaj malpermesis Esperanton, tiel agreseme ke la libroj de la Esperanto-Grupo de Bilbao oni devis kaŝi ĉe la hejmoj de fidindaj samideanoj. Kaj ne nur tio, ĉiu liberpensanto travivis horojn tre malfacilajn, eĉ danĝerajn, samideano Larrouy mem estis unu el la arestitaj en Santander pro la liberpensado kiel delikto.




Kiam finiĝis la intercivitana hispana milito, dum la longa postmilito, kiam Esperanto ankoraŭ ne estis permesata, kelkaj esperantistaj bilbaanoj renkontiĝis en la "Nova Placo" nur por konversacii en Esperanto. Post tiuj unuaj paŝoj, Juan Muro komencis gvidi Esperanto-kurson en la Biblioteko Surdo-Muta de Bilbao, kaj li kaj Cecilio Olalla legis al la fidelaj esperantistoj la E-gazetojn jam venintaj el eksterlando.

Iom post iom progresis la esperantistan aktivadon de nia lingvo, kaj en la jaro 1953 estis refondita la "Grupo Esperantista de Bilbao", kaj Eduardo, kiu multe strebis por kontakti kun la hispanaj Esperanto-Grupoj, estis elektita komitatano. Dum tiu jaro mem, la Esperantista Grupo de Bilbao organizis la 14-a Hispana Esperanto-Kongreso kiu estis vera sukceso, inter la programeroj kiuj pli plaĉis al mi estis la Literatura Vespero.

La aktivado de nia Movado progresis en Bilbao, kaj en la jaro 1966, denove oni proponis organizi en la vaska ĉefurbo novan tutlandan kongreson, kaj tiel okazis la 27-a Hispana Esperanto-Kongreso, kies sekretario de la OKK estis nia kamarado Larrouy. La sukceso de la Kongreso estis granda kaj partoprenis ĝin pli ol 400 gekongresanoj. Tiu intensa aktivado donis al li grandan prestiĝon, tial li estis elektita en la jaro 1977 prezidanto de la "Grupo Esperantista de Bilbao" ĝis 1981, sed tio tute ne signifis ke poste li ne plu aktivis, tute kontraŭe, li daŭrigis instruante kaj aktivante en la Movado kiel vera idealisto.

Nun, kvankam tre maljuna, li ankoraŭ aktivas, kaj en tiu ĉi jaro 2013, la vaska esperantistaro organizis omaĝon honore al nia bona amiko Eduardo, kiun ni deziras al li longan vivon kaj feliĉon, kaj plezure dediĉas al li jenan poemon:

# Omaĝo al veterana esperantisto

Eduardo Larrouy, amiko,
veterana lerta esperantisto,
la verda stelo allogis vin
jam antaŭ multaj, multaj jaroj
per vera aŭtenta idealismo
per revo pri homaranismo.

Via laborkapablo estis granda,
tiel granda kiel via alta idealo:
vi gvidis Esperanto-kursojn
kaj instruis niajn samideanojn,
kaj laboris kiel sekretario
kaj kiel fervora propagandisto,
kaj eĉ kiel Esperanta Prezidanto
vi elstaris jaroj kaj jaroj…
Vaskolanda esperantistaro
ŝuldas al vi dankojn senlimajn,
vi estis unu el la kuraĝuloj,
kiu dum la diktatora reĝimo
tute ne timis la reakciulojn
kaj kunlaboris en la revivigo
de Esperanto en Vaskolando.

Mi sentis grandan plezuron
kiam mi devis pri historio verki
kaj la temo estis Vaskolando,
ĉar Eduardo kiel fidinda fonto,
montris sian lerton kaj amikecon.
Hodiaŭ ankaŭ plaĉe mi omaĝas vin
en via centjar-aĝa datreveno
kiel fidela amiko kaj esperantisto!

Eduardo Larrouy, kara amiko,
mi deziras al vi longan vivon
longan vivon kaj FELIĈON!!!

Antonio Marco Botella

13-a de marto 2013
Omaĝe al mia amiko Eduardo Larrouy

# EDUARDO LARROUY 100-JARA



La pasintan 23-an de marto, 43 homoj atentis pri la alvoko farita de la E-Grupo de Bilbao kaj veturis al nia urbo por omaĝi al nia kara kaj kortuŝa amiko Eduardo Larrouy.

Kiam la afero komencis svarmi en niaj kapoj, ni kalkulis je malgranda rondo de plej proksimaj amikoj sed la afero kreskis kiel neĝobulo kaj fine ni devis prilabori kvazaŭ etan kongreson.

Al Bilbao flugis unu homo el Bulgario kaj du el Belgio; tri veturis el Valadolido, du el Zaragozo kaj unu el Madrido; alia el Pampeluno kaj kelkaj el diversaj urbetoj de Gipuzko kaj Alavo. Alie, al la rondo aliĝis diversaj homoj, eksesperantistoj, kiuj malofte vizitas la E-Grupon sed tamen deziris partopreni la omaĝon al tiu homo, kiun konis pluraj generacioj de bilbaoaj Grup-anoj. Tiuj homoj tre emociige travivis la eblon sidi denove apud konatuloj de junecaj aventuroj, vojaĝoj, planoj kaj E-agadoj.

Antaŭ ol la komuna manĝo, oni okazigis "interkonatigan tagmezon" ĉe la sidejo de la E-Grupo; viglaj interparoladoj en ege amika etoso okazigis preskaŭan forpuŝon de ili ĉiuj por atingi la restoracion je la antaŭinterkonsentita horo.

Jam surstrate, trankvile ni promenis, tra la mallarĝaj stratoj de la malnova kvartalo de Bilbao, ĝis la restoracio "Bikandi", kiu situas en unu el la plej famaj kaj tipaj stratoj de tiu kvartalo: la strato "Somera".

Post la manĝo, dum ni gustumis kafon kaj alkoholaĵon, alvenis la momento plej emociiga: la donacoj al Eduardo kaj la paroladoj de kelkaj ĉeestantoj. Estis multaj donacoj, tre diversaj. La E-Grupo de Bilbao donacis belan gratulŝildon enhavanta okulfrapan verdan stelon; paro de Grup-anoj, kiuj ne povis ĉeesti la kunvenon, sendis ĉarman foton el kiu ili ambaŭ transdonis sentoplenajn kisojn al Eduardo; ne mankis saketo enhavanta rozparfumojn el Bulgario, kiun alportis kaj donacis Antoaneta Nikolaeva pere de entuziasmigaj vortoj kaj salutoj el prezidanto de Bulgara E-Asocio; ankaŭ estis diversaj gratulafiŝoj, ktp.

Aparte substrekindaj estas la diversaj retmesaĝoj ricevitaj el la tuta mondo: la Prezidanto de UEA, Probal Dasgupta; ĝia ĝenerala secretario, Osmo Buller; ĝia eksprezidanto, Renato Corsetti; kaj multaj aliaj esperantistoj, ne tiel konataj en Esperantio sed same gravaj por Eduardo; al ĉiuj li respondos persone, iompostiome.

En tiu evento, kompreneble, ankaŭ ne mankis gratulletero de nia kara kaj proksima amiko Tonjo del Barrio, Prezidanto de HEF, kies vortoj estis longe aplaŭdataj de la tuta ĉeestantaro. Pro familiaj kialoj, spite de lia deziro, Tonjo ne povis persone akompani nin.

Kaj ankaŭ estis tempo por poezio: la bilbaoa E-poeto Alberto García Orive skribis belan poemon al Eduardo, kiun lerte deklamis nia portugala amiko Paŭlo Branco.

Fine, kvankam li mem ne povis veturi al Bilbao, Antonio Marco Botella sendis leteron al sia bona amiko Eduardo, laŭte legata de tiu bonkora kaj modesta homo, kiu estas Lorenzo Noguero.

Post tiom da kortuŝaj kaj emociigaj okazintaĵoj, Eduardo havis ankoraŭ fortojn por danki al ĉiuj ilian alvenon kaj entuziasme paroli pri la avantaĝoj de Esperanto kiel kunigilo de tiom da amikoj liaj kaj, kompreneble, kiel internacia neŭtrala lingvo.



Je la fino, estis tiom granda bedaŭro pro adiaŭo ke multaj homoj proponis denove renkontiĝi venontjare por festi la 101-jariĝo de Eduardo.

Dankon, Eduardo, pro tiuj agrabaj momentoj, la nunaj kaj la pasintaj. Pro ili nur, ni sentis ke ni ne eraris kiam iam ni faris la unuan paŝon por lerni Esperanton.

La E-Grupo de Bilbado

## SALUTO DE LA PREZIDANTO DE HEF OKAZE DE LA OMAĜO DE LA ESPERANTO-GRUPO DE BILBAO AL EDUARDO LARROUY PRO LIA 100-JARA DATREVENO

Karaj amikoj:
Mi tre bedaŭras ne povi ĉeesti fizike kun vi hodiaŭ, okaze de via renkonto kun Eduardo omaĝe al lia 100-jariĝo. Kiam la dato fiksiĝis, mi jam estis rezervinta alian familian vojaĝon, kiun ne eblis ŝanĝi. Sed sciu ke mi estas nun spirite kun vi.
Kaj ne nur mi. Ĉiuj anoj de Hispana Esperanto-Federacio certe aliĝas al la omaĝo kaj al la salutoj al Eduardo. Eduardo estas ekzemplo por ni ĉiuj, kiel persono kaj kiel esperantisto. Lian vivovojon kun rilato al nia lingvo ni ĉiuj povas konsideri kiel modelon por la disvolvo kaj la ĝuado de Esperanto. Lia sinteno al la ceteraj samideanoj, lia amikemo kaj gajeco, estas ankaŭ sekvinda ekzemplo por la pli junaj esperantistoj.
Cent jaroj estas tre ronda nombro, kaj tial ne estas mirinde ke ni festas hodiaŭ. Sed ĝi fariĝas nur nur simpla mejloŝtono en longa vojo, kiu espereble daŭros multe pli longe. Ni jam antaŭvidas vidi Eduardon dum venonta Hispana Kongreso, kie la amikoj de aliaj urboj povos lin brakumi kaj ree gratuli.
Sciu ankaŭ ke al HEF alvenis gratulnotoj de amikoj el la tuta mondo, kiu volas aliĝi al la omaĝo kaj al la esprimoj de simpatio kaj amikeco.
Permesu ke mi aldonu personan noton. Mi konis Eduardon dum la kongreso de San Sebastián de los Reyes, kaj tuj mi sentis tre koran ligitecon. Lia vivoĝojo kaj lia vivsinteno tuj kaptis min, kaj tiu sento ne ĉesis kreski dum la postaj renkontoj kiujn mi ĝuis kun li. Mi admiras ne nur lian esperantistan vojon, sed ankaŭ lian idean itineron kaj lian personan karakteron. Mi tre ĝojas havi la okazon diri tion publike, eĉ se bedaŭrinde ne senpere, okaze de tiu ĉi omaĝo de la bilbaaj esperantistoj.
Do, mi volas fini per sincera deziro kiun ĉiuj hispanaj esperantistoj kunhavas: Eduardo, daŭrigu tiel ĉi dum multaj jaroj. Ni ĉiuj bezonas homojn kiel vi!

Toño del Barrio

**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodríguez San Pedro 13 3º-7 ES-28015 Madrid ·Tel (+34) 914 468 079
www.esperanto.es · retpoŝto: admin@esperanto.es
Fiska identiga numero (CIF): G47026356

Membriĝo aŭ renovigo por la jaro
**2013**

## Personaj informoj

Bonvolu skribi majuskle.

| | | |
|---|---|---|
| Persona nomo: | | Nur por renovigoj |
| Familia(j) nomo(j): | | Membra numero: |
| Poŝta adreso: | | |
| Poŝtkodo: | Urbo: | Identiga numero: |
| Telefonnumero(j) | | |
| Retadreso: | Naskiĝdato: | |

## Membrokategorio

Ĉiuj membroj ricevas la asocian bultenon ("Boletín"), 4 numerojn jare.

Marku per X la elektitan kategorion:

| Kategorioj | | Euro | X |
|---|---|---|---|
| OM | Ordinara membro | 32,00 | |
| KM | Kolektiva membro | 64,00 | |
| PM | Protektanta membro | 64,00 | |

## Pagmaniero:

- ☐ Pagado (kompletigu la malsupran formularon, en la hispana).
- ☐ Pago per la bankokonto de HEF 0182-1252-31-0204011961 de banko BBVA (havigu atestilon).
- ☐ Pago per la konto hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (havigu atestilon).
- ☐ Pago kontanta en la asocia oficejo.

Dato: Subskribo:

Laŭ la hispana Leĝo pri datumprotektado (Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal), Hispana Esperanto-Federacio informas vin ke viaj datumoj estos aldonitaj al bita datumbazo, propra de HEF, kiun nia asocio utiligos nur por internaj celoj aŭ kun rilato al Esperanto. Per la subskribo de tiu ĉi dokumento, vi permesas tiun ĉi utiligadon. HEF ne donos viajn datumojn al eksteraj organizaĵoj, krom pro leĝaj kialoj. Vi povas aliri la informojn, kaj modifi aŭ forigi ilin, per mesaĝo al FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, le informamos que sus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consiente expresamente este uso de sus datos. Le informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Públicas, y que puede ejercer sus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

| | |
|---|---|
| Titular de la cuenta: | |
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

C.C.C.: entidad | sucursal | D.C. | cuenta

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Firma del titular: